# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 25/01/2013 Naŭdek kvina Eldono 2012 26/01/2013 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu redaktas Katarina Taggart

Se vi ne ricevas Tamen Plu aŭ 'Aŭstraliaj Esperantistoj', aŭ ricevas dufoje, informu AE.

## Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj

Vi apartenas al la Esperanta Familio de Aŭstralio. Skribu

Brunaj literoj signifas reuzata sed grava informo

Nigraj literoj signifas nova aŭ ĝisdatigata informo

Celoj estas faciligi la provlegadon kaj la legadon de niaj lojalaj legantoj.

## ALKLAKU la hiperligilojn markitajn tiel

AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE

## Esperantaj-RetRadioj.



Mi estas aŭskultanto de tiel nomataj Esperanto-RetRadioj. Mi aŭskultas regule nian E-RetRadion kaj la Polan RetRadion. Liberatempe danke al speciala paĝo http://esperanto-radio.com/ mi facile kaptas kelkajn aliajn podkastojn, inter ili estas: Radio Vatikano, 3ZZZ, Varsovia Vento, Radio Havano Kubo kaj la Kaliningrada E-radio.

Sur la paĝo troviĝas ankaŭ radio Muzaiko, kiu elsendas tutdiurne siajn variajn programerojn.

Andreo Bach el Gdynia en Pollando



# KLUBNOVAĴO





Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj

## La kluba listo kreskas





Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? rspring@tpg.com.au

Ĉu ĉiu en via grupo ricevas la Novaĵleteron?



## Central Coast Esperanto Club

kunvenis Sab 2ptm 9a Feb 2013 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## La Brisbana Esperanto-Societo

Ni nun havas Facebook paĝon kaj ankaŭ, ni estas ĉe
www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/
Kay Anderson



## La Tasmania Esperanta Societo

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.
Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...
Roberto Budzul



## La Melburna Esperanto Klubo

La Melburna Esperanto Klubo renkontiĝis ĉe Ross House je 6.30 ptm lunde.
Heather Heldzingen

## Esperanto Kafo Klubo de Kanbero

kunsidas ĉiujn vendredojn je la 5a ptm en Cafe Fontaine kiu troviĝas en la plej supra nivelo de la Canberra Centre.



## La Manlia Esperanto-Klubo Ĉiuj bonvenaj.

Unu taso da senpaga kafo Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;
Venis Ian, Eunice, John, kaj Rainer je 19 Jan
Antono ree estas en malsanulejo. Ni ĉiuj deziras bonsanon al li.

Manlio kunvenos la 2an de Februaro.



# Esperanto-Domo Sidnejo

BBQ lastaj dimanĉoj de la monato
(Kunvenos 27 januaro 2013)
Ĉiuj bonvenaj



# Torkio Esperanto Kafo Klubo - Viktorio

La Torkio grupo konsistas de lokaj loĝantoj kaj vizitantoj de Melburno.
Ni celas esti amikaj kaj agrablaj, kaj plibonigi nian esperantan kapablon.
Ni babilas pri kaj per Esperanto - kaj ni trinkas kafon!
**tel 03 5261 2899 M 0421043272**
https://sites.google.com/site/torquayesperantoweb/



# La Adelajda Esperanto-klubo-

kunvenas la unuan merkredon de ĉiu monato (krom januaro) en Box Factory, Regent Street South. Kontakto: Bob Felby (08) 8242 1460.
Zamenhof-tago en decembro (11 esperantistoj).

## ADELAJDA ESPEREJO

**Legogrupo**. En la Ŝtata biblioteko kunvenadas ĉiun ĵaŭdon
Max Wearing <mwearing@internode.on.net> tel (08) 8359-3375

# Aŭstralia Esperanto Asocio Melburno 2013

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001





Mi opinias ke la Melburna Kongreso estis ĝuinda afero.
La komitatanoj aranĝis loĝejon en apuda konstruaĵo.
La manĝo estis bona kaj abunda.
La programo estis varia, interesa, amika kaj bone regadita.
Tiaj kongresoj plenkreskigas la movadon.
Roger Springer







Gratulon al la sukceso de la Good Will Kongreso en Melburno. Grandajn dankojn al la laboremo de la komitatanoj kiuj kondukis ĝin al sukceso.

'Identeca Afero' de Indrani kiu havas kompleksajn identecojn, permesis esplori profundan komprenon. Povis mi rilati al ŝia temo ĉar nia familio ankaŭ havas multajn naciecojn kaj rilatajn provokojn de diversaj kulturaj kutimaj diferencoj. Nun ĉu estas la tempo por deklari ke 'NI ESTAS MOND-CIVITANOJ' sen la limitigaj skatoloj?

**Amike,** Marumi Smith













# Impresoj pri nia Melburna Kongreso (Sandor)

Nia "bonvola" kongreso okazis dum la lasta semajnfino (17/1 – 21/1)

Mi sentas ke ni sukcesis krei bonvolan etoson. Dum tri tagoj ni ĝuis nian lingvon, ni aŭdis interesajn prezentaĵojn, ni debatis, ludis kaj lernis.

Ni komencis organizi la eventon nur meze de oktobro. Tial la nombro da partoprenantoj (45) estis malpli ol dum pasintjaraj januaraj eventoj. Tamen mi hejmenportos la jenajn memoraĵojn:

- La sufiĉe varian programon
- La prezentadon de Jonathan pri moderna arto. Spekti ĝin la duan fojon tute ne forprenis de la ĝojo kaj ekscito.
- La formalan debaton ("Ĉu ni subtenu Jonathan Moylan?")
- La klason de Trevor kun 10 tre diversaj lernantoj.
- La prezentadon de Jim pri nia planita nova retpaĝaro.
- La ordigadon de nia arĥivo. (Post kelkaj semajnoj, ĝi estos transportita al Esperanto-Domo en Sidnejo). Grandegajn dankojn al Hugh, Katja kaj Helen.
- La mallongajn prezentadojn de Mary, Pat, Charles, Margaret, Jonathan kaj Indrani
- La diskuton pri la estonteco de AEA. Kelkaj faris interesajn proponojn.
- La bankedon. Ni klopodis emfazi la atingojn kaj pozitivajn trajtojn de ĉiuj kaj ni sukcesis.

Rigardu la bildojn kaj decidu partopreni nian venontan eventon.

# Sydney Language Festival 2013

La NSK Federacio havas agadplanojn por ĉi tiu jaro. Ni organizos lingvan festivalon en Majo en la Internacia domo de la universitato de Sidnejo. Kaj mi jam komencis krei la retejon por tiu evento, Amike, Nicole vidu: http://esperantowebdesign.com/sydneylanguagefestival/

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu oni deziras forgesi?

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





Re AE 94 Kara Roger,

Okazis iom da konfuzo pro la jarŝanĝo sur paĝo 4: Sydney Language Festival 2013. La NSK Federacio havas agadplanojn por la venonta jaro (la venonta jaro estas 2014). Ni organizos lingvan festivalon en Majo (ĉu en 2013 aŭ 2014 ?).

Federacio kaj Majo, ambaŭ bezonas grandan komencliteron. NSK kaj Federacio estes unu koncepto kaj Majo estas propra nomo de la monato.

Saluton, Volo

Respondo : Dankon Volo, mi korektis nun en AE95. Amike Roger



Kara Roger,

Dum la kongreso en Melburno en 1972.

Volo kun John Matasin.

Amike, Nicole

## La Kulturdomo de Gresillon gresillon.org/printempo



**Lernu intense Esperanton kun Stefan kaj Christophe (2013-apr-20/27)**

**KAJ / AŬ**

**Trapasu internacian Esperanto-ekzamenon (2013-apr-27)**

**KAJ / AŬ**

**Kleriĝu pri inturkultura komunikado kun Radojica (2013-apr-27/maj-01)**

Informis AE Margaret Chaldecott



La plej nova numero de Monato estas senpage legebla dum 10 tagoj.

Tre interesa numero kun la lasta recenzo de Donald Broadribb, kiu verkis pli ol 150 recenzojn por Monato!

https://dl.dropbox.com/u/6142658/monato201302.pdf

Amike, Nicole

# Membroj de nia Melburna Kongreso

| | First name | Family Name | Mel 2013 kongreso | | First name | Family Name | Mel 2013 kongreso |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | **Indrani** | Beharry-Lall | **Registrita Membro** | 29 | **Mary** | Mills | **Registrita Membro** |
| 2 | **Alan** | Bishop | **Registrita Membro** | 30 | **Evi Seok** | Nah | **Registrita Membro** |
| 3 | **Jenny** | Bishop | **Registrita Membro** | 31 | Evi Seok (son) | Nah | **Registrita Membro** |
| 4 | **Margaret** | Chaldecott | **Registrita Membro** | 32 | **Helen** | Palmer | **Registrita Membro** |
| 5 | **Barrie** | Cledsmith | **Registrita Membro** | 33 | **Patricia** | Palmer | **Registrita Membro** |
| 6 | **Jonathan** | Cooper | **Registrita Membro** | 34 | **Esther** | Parris | **Registrita Membro** |
| 7 | **Karlo** | Egger | **Registrita Membro** | 35 | **Gerry** | Phelan | **Registrita Membro** |
| 8 | **Elin-Maria** | **Evangelista** | **Registrita Membro** | 36 | **Jim** | Radford | **Registrita Membro** |
| 9 | **Nicole** | Else | **Registrita Membro** | 37 | **Ken** | Rolls | **Registrita Membro** |
| 10 | **Bob** | Felby | **Registrita Membro** | 38 | **Berilo** | Scriven | **Registrita Membro** |
| 11 | **Pamela** | Fenton | **Registrita Membro** | 39 | **Tony** | Scriven | **Registrita Membro** |
| 12 | **John** | Fleming | **Registrita Membro** | 40 | **Marumi** | Smith | **Registrita Membro** |
| 13 | **Hazel** | Green | **Registrita Membro** | 41 | **Mei** | Springer | **Registrita Membro** |
| 14 | **Paul** | Green | **Registrita Membro** | 42 | **Roger** | Springer | **Registrita Membro** |
| 15 | **Heather** | Heldzingen | **Registrita Membro** | 43 | **Katja** | Steele | **Registrita Membro** |
| 16 | **Ivan** | Heldzingen | **Registrita Membro** | 44 | **Trevor** | Steele | **Registrita Membro** |
| 17 | **Sandor** | Horvath | **Registrita Membro** | 45 | **Charles** | Stevenson | **Registrita Membro** |
| 18 | **Svetislav** | Kanachki | **Registrita Membro** | 46 | **Max** | Wearing | **Registrita Membro** |
| 19 | **Daniel** | Kane | **Registrita Membro** | 47 | **Roger** | Hill | **vizitanto** |
| 20 | **Kam** | Lee | **Registrita Membro** | 48 | **Andrew** | Lutz | **vizitanto** |
| 21 | **Marcel** | Leereveld | **Registrita Membro** | 49 | **Carol** | Lutz | **vizitanto** |
| 22 | **Huigh** | Malcolm | **Registrita Membro** | 50 | **Miranda** | Lutz | **vizitanto** |
| 23 | **Luke** | Marsillo | **Registrita Membro** | 51 | **Pasa** | Lutz (Edzo Mir) | **vizitanto** |
| 24 | **Luko** | Mazraeh | **Registrita Membro** | 52 | **Pasa** (Amiko) | Lutz (Amiko ) | **vizitanto** |
| 25 | **Ella** | McGlashan | **Registrita Membro** | 53 | **Pasa** (Amiko) | Lutz (Amiko ) | **vizitanto** |
| 26 | **Leonie** | McGlashan | **Registrita Membro** | 54 | **Pasa** (Amiko) | Lutz (Amiko ) | **vizitanto** |
| 27 | **Perry** | McGlashan | **Registrita Membro** | 55 | **Penny** | Vos | **vizitanto** |
| 28 | **Romana** | McGlashan | **Registrita Membro** | | | | |





Raportas Nicole Else

## Raporto pri la aŭstralia Esperanto kongreso en Melburno (16a de januaro ĝis 21a de januaro 2013)

Mia vojaĝo al Melburno ne perfekte komenciĝis. Kiam mi alvenis ĉe la Centra stacidomo en Sidnejo mi vidis ŝildon ke la trajno al Melburno estas nuligita pro paneo. Do busoj anstataŭis la trajnon. Mi ne tre ŝatas longe vojaĝi en buso, sed kion fari? Mi ne vere volis prokrasti mian vojaĝon. Kvankam ne precize kiel mi intencis, mi ja alvenis en Melburno matene la 16an de januaro. Mi veturis al la Internacia domo kie okazas la kongreso. Iom post iom esperantistoj alvenis. Post la vespermanĝo okazis interkona vespero kun ludoj. Mi proponis, ke ĉiu diru 3 frazojn pri si mem, 2 kiuj havas verajn faktojn kaj unu frazo kiu estas malvera. La ĉeestantoj devas provi eltrovi kiu el la 3 frazoj estas malvera. Tiu ludo ja ebligis lerni ion pri la partoprenantoj. Mi bone sukcesis trompi la ĉeestantojn dirante, ke je la 4a30 matene mi estis ĉe McDonald's. Plej multaj pensis, ke tio estas mia malvera frazo, sed mi ja efektive estis ĉe McDonald's tiom frue matene, ne ĉar mi tion deziris, sed ĉiuj pasaĝeroj de la buso ja devis eliri el la buso por paŭzo kaj la busŝoforo elektis halti ĉe iu McDonald's.

Vendredon la 17an

Post la malfermo okazis la unua prelego. Jonathan Cooper prelegis pri moderna arto. Li bone prelegis en malenuiga maniero, ekzemple li ne hezitis ĵeti aĵojn sur la plankon por klarigi al ni kio estas moderna arto aŭ eble pli precize kio ne estas moderna arto. Post la tepaŭzo ni devis labori en grupoj por pripensi kion ni volas ke AEA faru. Ŝajne ni bone "laboris", ĉar estis multaj ideoj. Post la tagmanĝo Kajta Steele parolis pri la arkivoj de AEA. Se oni volas vere bone prizorgi ilin tio ja estus giganta laboro. Poste ni pridiskutis klimatŝanĝiĝon kun Jennifer Bishop, poste Trevor Steele parolis pri siaj libroj. Post la vespermanĝo Daniel Kane organizis debaton, formalan debaton kun 2 teamoj. La temo estis: Ĉu ni subtenu Jonathan Moylan. La ĉeestantoj ŝajne tre ĝuis la debaton kaj do tia programero povus supozeble okazi dum ĉiu kongreso. La teamo "por" facile venkis. Tiam estis mia vico prezenti kvizon. Mi aŭskultigis Esperanto-kantojn de 10 diversaj kantistoj kaj la ĉeestantoj devis provi rekoni la kantistojn kaj doni informojn pri ili.

Sabaton la 18an

Post la matenmanĝo Hazel Green parolis pri la grava retejo edukado.net Tiu retejo ne estas nur por instruistoj. Estas tie senpagaj kursoj pri diversaj temoj en Esperanto, estas filmejo kun multaj filmetoj en Esperanto, ktp. Poste venis la prelego de Penny Vos (en la angla). Ŝi nun deziras studi en la universitato de Kanbero. Heather demandis kiuj lernejoj uzas ŝian libron. Penny respondis, ke ŝi ne scias, nu mi supozas, ke ni povas interpreti tion kiel neniu lernejo nun uzas la libron de Penny. Post la tagmanĝo estis mallongaj prezentoj de diversaj esperantistoj. Mary Mills parolis pri frua aŭstralia esperantisto kiu estis ŝia parenco. Charles parolis pri Wre Chandler, Pat Palmer parolis pri libreto kiun ŝi verkis ĉefe pri siaj lernejjaroj. Jonathan Cooper prezentis amuzan kanton, Indrani parolis pri identeco, Margaret Chaldecott pri Collingridge, ankaŭ frua aŭstralia esperantisto, finfine Bob Felby parolis pri la krueleco manĝi bestojn. El ĉiuj tiuj paroladoj laŭ mi elstaris tiu de Indrani. Ŝi bone montris al ni, ke simpla demando kiel "De kie vi venas" ne vere estas simpla demando kaj povas kaŭzi problemojn por personoj kiuj venas de nekonata loko. Indrani bone pensigis nin pri la fakto ke multaj personoj juĝas laŭ la fizika aspekto de personoj. Parto de la prelegeto de Indrani nun aŭskulteblas sur Youtube http://www.youtube.com/watch?v=Yy71PMXPaXY Post la tagmanĝo multaj

boatekskursis, sed mi restis en la kongresejo por helpi kun la arkivoj. AEA ja posedas kelkajn trezorojn, ekzemple raran albumon pri la Universala kongreso de 1912. Vespere okazis la bankedo. En la programo estis skribite, ke la bankedo okazos en La Notte restoracio, 140 Lygon Street. Do mi uzis Google maps pro trovi 140 Lygon street kaj tien veturis. Ne estis tre malproksime de la kongresejo. Sed kiam mi alvenis troviĝis je tiu adreso malajzia restoracio kaj ne "La notte". Mi eniris kaj afablaj personoj diris al mi, ke mi probable estas en la malĝusta antaŭurbo, ke ja ekzistas alia 140 Lygon Street en Carlton. Do mi veturis al Carlton kaj alvenis … kun pli ol duonhoro da malfruo. Mi ne vere estis impresita, ke la organizantoj forgesis meti sur la programo la nomon de la antaŭurbo kiam ekzistas sama adreso en diversaj antaŭurboj. Krome mi ne ŝatis la manĝon kaj devis trinki nur akvon. Sandor klarigis al mi, ke la alta prezo ne enhavas sukon aŭ alian trinkaĵon. Tamen ja estis unu bona afero. La ideo de Sandor ke ĉiu laŭvice staru kaj diru bonajn vortojn pri unu el la partoprenantoj estis tre bona ideo.  Estis agrable aŭdi ion pri ĉiuj kaj aŭdi tre pozitivajn vortojn pri mi!

Dimanĉon la 20an

Unue Roger parolis pri la novaĵletero, poste Daniel Kane prelegis pri la reĝa simio, fama en ĉina kulturo. Post la tepaŭzo Jim parolis pri la nova retejo de AEA kiu estos tre ampleksa. Post la tagmanĝo Helen Palmer bone klarigis al ni pri sia nekutima laboro kontrolante ĉu la ŝafoj ne manĝas tro da indiĝenaj plantoj. Poste Paul Green montris al ni fotojn de la multaj birdoj kiuj vizitas lian ĝardenon. Sekvis Alan Bishop kiu parolis pri ĵazo. Post la tepaŭzo estis mia vico kaj mi montris plurajn filmetojn: rakonton de BookBox, raporton pri la Zamenhoffesto en Sidnejo en 2011, fotojn de la jubilea kongreso en Adelajdo kaj "Mia unua kiso". Mi ĝojis vidi la ĉeestantojn ridi, kiam ili spektis "Mia unua kiso". Sekvis la parolado de Elin-Maria Evangelista. Ŝi estas novulino, svedino kiu nun loĝas en Melburno. Hazarde rigardante malnovajn svedajn gazetojn, ŝi trovis artikolon de 1935 pri svedino kiu ĉeestis la universalan Esperanto-kongreson en Romo (1935). Elin-Maria ege ŝatis tiun artikolon kaj decidis verki romanon surbaze de la kongreso de 1935. Tial ŝi nun komencis lerni Esperanton kaj volas esplori la historion de Esperanto. Ŝi pensas, ke ŝi bezonos almenaŭ 2-3 jarojn por finverki la romanon. Mi scivolemas kia la romano estos. Poste ni diskutis kun Marcel Leereveld pri la evoluo de Esperanto. Post la vespermanĝo okazis jam la adiaŭa vespero. Kam Lee verkis ion, sed li ne vere sukcesis ridigi min. Estis alia prezento pri 3 personoj mortigotaj per elektra seĝo kaj la stulta komento de la inĝeniero ja estis iom ridiga. Mi montris du pliajn filmetojn de BookBox. Nu la nivelo kaj enhavo de la adiaŭa vespero estis iom magra.

Lundon 21an

Post la matenmanĝo preskaŭ ĉiuj forveturis. Mi tamen restis kaj helpis finpaki la arkivojn kiuj estos senditaj al Sidnejo. Mi tagmanĝis kun Katja kaj Trevor Steele kaj poste atendis la trajnon al Sidnejo. Feliĉe ja estis trajno kaj ne busoj.

Estis preskaŭ 50 partoprenantoj mi pensas, tamen sufiĉe multaj partoprenis nur parton de la kongreso. Matene okazis kurso por komencantoj. Trevor Steele instruis. Ĉar mi ne ĉeestis mi ne povas multon skribi pri ĝi, sed li ja havis lernantojn. Entute la kongreso estis sukcesa. La programo estis sufiĉe riĉa krom eble la lasta vespero. La organizo estis sufiĉe bona (krom la malkompleta adreso por la bankedo). Esperantistoj ne kverelis eĉ se ili ankoraŭ ne konsentas ĉu AEA restu kompanio aŭ refariĝu asocio. Mi pensas, ke ĉiuj reveturis hejmen kun bonaj memoroj pri la kongreso. Eble kelkaj pliaj el vi ja iom esprimos viajn impresojn pri la kongreso.
pliaj fotoj ĉe http://www.ipernity.com/doc/158659/album/299036

Karaj,

Tiuj kiuj partoprenis en la kongreso en Brisbano antaŭ kelkaj monatoj certe memoras pri David Astle kiu diris, ke li verkos artikolon pri Esperanto. Intertempe tiu artikolo ja vere aperis en la numero 5 de Smith Journal nun havebla en gazetvendejoj. La artikolo estas 3 paĝa. La unua paĝo estas bildo (vidu apude), la du aliaj havas longan tekston kun malgrandaj literoj. Se vi deziras la tekston bonvolu kontakti min. Krome post kelkaj monatoj aperos nova libro de David Astle pri krucvortenigmoj kaj tiu libro havos ĉapitron pri malnovaj krucvortenigmoj en Esperanto.

Amike, Nicole
nicole@cryogenic.net




# Sendu fotojn kaj spertojn pri la kongreso